Año XII N.º 6 (124) NOVIEMBRE-DICIEMBRE 1960

# Boletín

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

*Esos libros, publicados en su mayor parte en conmemoración del primer centenario del nacimiento del Dr. Zamenhof, creador del Esperanto, prueban sobradamente la magnitud alcanzada por el idioma internacional.*

BOLETIN
DE LA
FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

Adreso de la Redakcio kaj Federacio:
Str. Marqués de Caro, 6
VALENCIA (Hispanujo)

Monsendojn adresu al:
S-ro Ernesto Guillem - Str. Marqués de Caro, 6
Valencia (Hispanujo)

Ĉiuj membroj de HEF ricevas unu ekzempleron.
Membreco: 25, 60, 100, 150 pesetojn, jaro.
Eksterlandaj abonoj:
Minimume, 60 pesetojn, por tutjara abono.

Korespondaj anoncetoj: 10 pesetojn aŭ du respondkuponojn ĉiu 20 vortojn aŭ frakcio.
Pri aliaj anoncoj, bonvolu peti informojn.

# Sin ánimo de ofender

Algunos de nuestros consocios escriben cartas con direcciones que no entiende el cartero: por ejemplo:

Al Libroservo de H. E. F.

Sr. Presidente de H. E. F.

Sr. Redactor de Boletín, etc.

No falta tampoco quien se fía de la memoria y escribe la dirección antigua.

Creemos conveniente recomendar que no falte la palabra ESPERANTO, y aun proponer como breve y clara esta sola palabra, seguida de «Marqués de Caro, 6», si Federación Española de Esperanto les parece demasiado larga. Después, en un segundo renglón, puede ir la sección; por ejemplo: «sección libroservo», «señor Redactor de Boletín», «Sr. Presidente», etcétera. De este modo, aunque cambien con frecuencia carteros, parece que se les facilita el trabajo y se evita cualquier extravío.

Gracias.

El Tesorero

# JEN LA SEKRETARIO

Komence de ĉi tiu jaro, mi notis ĉi tie du entreprenotajn taskojn: Nova regularo kaj pliigo de la membraro.

Pri la unua, la kongreso decidis, kaj, nun, ni atendas la oficialan aprobon de la aŭtoritatoj.

Pri la dua, ni ne povis atingi la nombron mil, sed ni marŝis antaŭen kaj, certe, ni atingos ĝin dum 1961.

Nun ni parolu pri novaj projektoj.

Unu estas, eldono de propaganda flugfolio, kiun ni anoncis en nia pasinta numero. Bedaŭrinde, pro diversaj kaŭzoj, ni ne povis enmeti ĝin en ĉi tiu numero; eble en venonta. Mankas al ni ankoraŭ informojn; do, restas valida nia alvoko.

Alia projekto, sendube ŝatata de ĉiuj, estas la plioftigo de la apero de BOLETIN. Tiu projekto dependas de multaj faktoroj, el kiuj ne estas la plej grava la monfaktoro. Mia kromesperanta vivo komplikiĝis, kaj mia libertempo malkreskis, sed, post mia ebla eksiĝo kiel prezidanto de la Valencia Grupo kaj kiel Sekretario de HEF mi esperas havi pli da tempo por BOLETIN, kaj eldoni almenaŭ ok numerojn dum 1961. Kompreneble, mi kalkulas kun la solvo de kelkaj problemoj Esperantaj kaj miaj.

Antaŭ ol fini, mi petas al la grupoj, kiuj ĝis nun ne sendis liston de membroj kolektivaj, ke ili sendu ĝin baldaŭ, antaŭ publikigo de nia venonta numero, aŭ almenaŭ, la nombron kaj aprobon por aniĝi al HEF. Ni scias pri la manko da tempo de ĉiuj, tamen, provizore, ni esperas ricevi almenaŭ p. k. de kelkaj grupoj, kiuj ankoraŭ ne faris tion.

Dankon al tiuj, kiuj respondis al nia alvoko kaj ni petas senkulpigon pro la neeblo fari tion persone.

Ankaŭ mi petas pardonon al kelkaj samideanoj pro la neskribo de respondaj aŭ promesitaj leteroj.

*HEF-Sekretario,*
Angel Pérez

# Manifestarse

Un movimiento como el nuestro, que se dirije a la más amplia masa, naturalmente atrae a elementos de todas clases: desde las más serias personas, altamente respetadas en su ambiente, hasta los individuos considerados a veces por la sociedad como verdaderamente raros. Al parecer esto no puede evitarse. Y además, por si mismo, no es peligroso, si existe una adecuada proporción.

Lo malo empieza cuando esos raros individuos dan su sello al respectivo movimiento. El público, lamentablemente, juzga más a menudo las cosas, no según su valor efectivo, sino según sus protagonistas visibles. Y—nuevamente lamentable—los más destacables son por costumbre aquellos que por su rareza llaman la atención o presentan un objetivo adecuado para la broma.

Hubo un tiempo en que tal clase de raros individuos verdaderamente abundaba en el movimiento esperantista, principalmente en algunos países. Por sus fantásticos vestidos, masa de estrellas verdes sobre todas las partes del cuerpo, desacostumbrado comportamiento y conducta impertinente, comprometían, algunas veces muy profundamente y casi irreparablemente el asunto al cual ellos, tal vez sinceraramente, deseaban servir. Y aún más, precisamente tales elementos fueron la causa de que personas serias comenzaran a abandonar el movimiento esperantista, o, si permanecían en él, a ocultar, incluso, su conocimiento del idioma internacional en los ambientes fuera del movimiento. Esto, a su vez, creaba aún más mal, porque, al menos en apariencia, la balanza estaba completamente invertida y se podía recibir la falsa impresión acerca de una muy inadecuada composición de la colectividad lingüística esperantista.

La situación, también con relación a ello, mejoró mucho en los últimos años, y ahora es completamente satisfactoria. Los diversos individuos raros casi desaparecieron de las filas del organizado movimiento esperantista neutral. Este no sólo readquirió su dignidad, sino incluso elevó su prestigio considerablemente.

Sin embargo, muchos esperantistas sobresalientes—al parecer, temiendo el compromiso personal a causa de las desagradables experiencias de entonces—, aún esconden su cualidad de esperantistas. En los medios de su trabajo o acción nadie sabe que ellos hablan el idioma internacional. Ahora, ciertamente, no hay causa para obrar así. Los intereses de la

*(continúa en pág. siguiente)*

# KONSTRUEMA KRITIKO

Okaze de la apero de la lasta vortaro de nia entuziasma samideano D-ro E. Tudela, dum la pasinta jaro, kaj en la lasta folío de tiu verko, aperas modesta alvoko de la aŭtoro, petante kunlaboron de ĉiuj legantoj antaŭ eblaj eraroj, kun la intenco korekti kaj plibonigi ĝin en venonta eldono.

Laŭ miaj informoj, nur unusola samideano respondis al lia alvoko. Ĉi tiun nulan kunlaboradon oni povas interpreti dumaniere: unue, la vortaro devas esti perfekta, ĉar neniu spertis pri eraroj aŭ difektoj; aŭ, due, la nuna esperantistaro ne konsideras sin kapabla, kompreneble, intelekte parolante, pri kono de esperanta lingvo.

Laŭ mia humila opinio, oni devas respondi ke la afero ne estas tiel; ke la verko havas eraretojn, kaj ke la nuna esperanta generacio estas kapabla pri esp. lingvo. Okazas nun ke ili ne konsideris veran pravecon pri kunlaborado. Konsideru ke dank'al la zorgo kaj kapableco de la esp. gvidantoj de antaŭ 50 jaroj, veraj pioniroj, la esp. movado nuntempe staras en alta podio anstataŭ stagni.

La kunlaborado kun la aŭtoro—plej amplekse—kun ĉiuj aŭtoroj de esp. vortaroj, konsiderante la vortarojn kiel fundamentan bazon por la estonteco de Esperanto, estas necesa, kiel mi pruvas per la jena ekzemplo—tute fundamente—kiel ĉiuj povas konstati.

En la vortaro (paĝo 124) aperas la vorto PAVEZO, kun traduko *«pavés»*. En franca esp. vortaro la sama vorto kun traduko *«bastingage»* (hispana signifo: «empalletado»).

Ni analizu, kritike, ĉi vorton: Laŭ Plena Vortaro PAVEZO, signifas *«Supraĵo de la ŝipbordo»*.

La hispana vorto *«pavés»* signifas: ŝildo, defenda kaj longforma.—Levigi iun sur la «pavés» (fr. fig.).—Nomigi iun gvidanton, enpostenigi, laŭdigi.

La franca vorto *«bastingage»* (empalletado)—franca—esp. vortaro de G. Waringhien eldono 1957[a], signifas: speco de matraco kiun oni formas apud la flanko de la ŝipoj antaŭ la batalo.

Efektive, almenaŭ en la militŝipoj, oni uzas specialajn matojn dikajn kaj grandajn, kiujn oni uzas okaze de kolizio; oni metas ilin pendantaj, en la flanko, antaŭ la truo farita de kolizio aŭ batalo kaj la mato ŝtopas iomete la truon kaj tio permesas, iufoje, ripari la, averion de la interna parto. Tiu mato estas nomita hispane «pallete de colisión».

Per ĉi ekzemplo, kiel ĉiuj samideanoj povas konstati, oni vidas la grandan diferencon inter la esperanta teksto kaj la hispana traduko, tute same la franca, kaj ke ambaŭ estas tute eraraj. Eble la francoj neniam atentis pri ĉi tiu eraro.

Nun restas diveni la tradukon de la vorto PAVEZO; tio restas por la kunlaborantoj. Eble, neniu kunlaboros, sed ĉi tiu artikoleto taŭgos por ke iuj esperantistoj rigardu la vortarojn. Jen kiel estas necese ĉies kunlaborado: kontraŭe, povas okazi ke ni uzu tute erare, iujn vortojn, dum nia vivo, kiel pruvite.

Spite de ĉio, la hispana esperantistaro havos dum multaj jaroj gravan ŝuldon la nia kara samideano D-ro Tudela.

**JOSE LERROUX**
**(Barcelono)**

---

**Manifestarse** *(de la pág. anterior)*

mayor divulgación del idioma exigen, que todo esperantista serio no dude declararse tal en cualquier momento en que se presente ocasión para ello. Esto se puede hacer, por ejemplo, llevando siempre la insignia, usando la lengua en la correspondencia internacional y durante los viajes al extranjero, llamando la atención sobre el problema lingüístico y explicando adecuadamente la solución.

Una defensa hecha por una persona respetada en su medio, es el más eficaz remedio para la difusión del Esperanto.

Verkis Esperante D-ro IVO LAPENNA
(el Esperanto de UEA Junio 1960)

# LA XXIIª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

## En PALMA DE MAJORKO, 11.ª - 19.ª Majo 1961

Kreskas la intereso por nia venonta kongreso, ne nur inter la hispanaj samideanoj, sed, ankoraŭ pli, inter la eksterlandaj.

La taŭga aranĝo de la antaŭaj kongresoj, la speciala nuanco de la spirita atmosfero kiu volvas ilin, kaj, ankaŭ, la protekto kaj brilo donata de la koncernaj aŭtoritatuloj, famigis ilin ekster niaj limoj. Kaj, ĉijare, la kolosa altiro de la turisma intereso aldoniĝas al la antaŭaj konsideroj.

La sugesta kaj magia nomo «Majorko» estas garantio de inklino, decido kaj certa partopreno, por tiuj kiuj povos senbalastiĝi je la premoj kaj devoj de la ĉiutaga vivo. Ni scias ke multaj faros la eblon, kaj, eĉ, la neeblon, por ne malĉeesti nian venontan kongreson, kiu promesas esti por ĉiuj, neforgesebla rememoraĵo por la estonto.

Ni ne volas ripeti la programan skizon, kiun ni publikigis sur nian lastan numeron. Ĝi ne estas tute fiksa decido; ni scias ke la loka komitato penas por fari ĝin pli kaj pli alloga, kaj, ke, la lasta fiksigo estos absolute ne plibonigebla.

Sed, ni volas insisti pri la speciala aranĝo de nia majorka renkontiĝo. Estos ĉiutagaj ekskursoj, kiu plenigos la ĝupovon de ĉiuj, kaj, revene, estos ankaŭ ĉiutaga laboro, por kontentigi nian poresperantan celon. Tiel. oni akordigis la plezuron kaj la devon, la sopiron kaj la profiton, ĉar kongresoj ne estas, fundamente, plezuraĵoj, sed, male laboraĵoj; tamen, ĝis nun, niaj ĉiujaraj kunvenoj sukcesis armoniigi ambaŭ aferojn, tiel ke ĉiuj povas deziri ke la venontaj renkontiĝoj havu la samajn trajtojn ol la antaŭaj.

Ĉu povas esti io pli agrabla ol kombini konstruan diskutadon kun vizitado al la famaj majorkaj grotoj? Ĉu ni povas deziri, en nia poresperanta animstato, ion pli ŝatindan ol unuaniman konkludon, revene de imagplena rondiro al la Valldemosa Kartuzejo, kie Chopin kreis tiom kaj tiom da eternaj melodioj, kiujn ni ĉiuj konas kaj estimas?

Revenante al la puraj materiaj aferoj, ni povas anonci ke nia venonta kongreso estis jam permesata de la superaj aŭtoritataj instancoj, kaj ke, de nun, ĉio iros glate kaj kontentige ĝis plensukcesa realigo. La Loka Komitato, entuziasme kaj serioze daŭre laboras por ke la ĉeestado estu plene kontentiga por ĉiuj. Oni devas atenti ke la dato de nia estonta kongreso estas la plej taŭga por plena ĝuado de la klimato, de la ekskursoj, kaj, ĉefe, la plej ĝusta por eviti la teruran trodensigon de la popolamaso, kiu, ĉiujare, estas sufokiga en Majorko. Tio ebligos ke la prezoj ne estu tro multekostaj, kaj, resume, ke ĉio estos pli agrabla por ĉiuj.

Ni scias ke multaj ne povos ĉeesti pro malĝustigo de la feripermeso, sed, ankoraŭfoje ni ripetas: dum la kutima kongresepoko, la kongreso estus tute ne realigebla en Majorko!

Pro presejaj neebloj ni ne liveras ankoraŭ la aliĝilon en la Bulteno, sed ni esperas sendi ilin al ĉiuj antaŭ mallonge.

Do, samideanoj, ĉio pretiĝas por ke la kongreso estu tiel aŭ pli brila ol la antaŭaj. Ĉu vi jam penis por aranĝi vian ĉeeston? Mi, jam!

# HISPANA KRONIKO

VALENCIA.—La loka E-Grupo, post la reorganizado de la estraro kaj dank'al la novaj samideanoj, el kiuj ĝi konsistas, komencis viglan laboradon por Esperanto.

El la lastaj okazintaĵoj, estas menciindaj :

Inaŭguro de E-kurso en la Valencia Universitato, sub la gvido de Sro. Rafael Vizcaino, nova prezidanto de la Grupo.

Inaŭguro de E-kurso por infanoj en la unuagrada lernejo «Teodoro Llorente», kiun gvidas S-ro. Felikso Navarro, kaj alia, inaŭgurota, en la unuagrada lernejo «Cervantes», kiun gvidos D-ro. Herrero.

Disdono de presita bulteno, ĉiumonate, al la VEG-anoj. La lasta numero, dum monato novembro, estis sespaĝa.

Ekskursoj, el kiuj ni menciu specialan viziton al Gandia. Pri la sukceso kaj detaloj de tiu vizito vi povas legi aparte.

Kelkaj interesaj aranĝoj, kiel : prelegoj de eksterlandaj esperantistoj, nome : S-ino Johana White, el Aukland; Sro Sonderegger, el Zürich ; gesinjoroj Roj kaj Doroteo Holland, el Chicago ; kaj S-no Elliot, el... Esperantujo, kiuj akompanis siajn prelegojn per projekcio de diapozitivoj.

Entute, la Valencia Esperanto-Grupo vigliĝas.

*A. Pérez*

BENIPEIXCAR-GANDIA. — La Valencia Grupo vizitis ĉi tiun urbon la 23-an de Oktobro. Alvenis en granda aŭtobuso 45 samideanoj, kiuj estis akceptataj de S-no Rafael Moral kaj gandia membroj de la «Klubo CCC», je la deka matene.

Post matenmanĝo oni celebris Sanktan Meson en la privata kapelo de la Palaco de la «Sankta Duko» (Sankta Francisko de Borja). Sekve, la Grupo vizitis, detale, la Palacon.

Post la vizito, ĉiuj translokiĝis al la Laborista Instituto, kie estis aranĝita solena kunveno. Salutis S-ro Moral je nomo de la «Klubo CCC» kaj de la novaj esperantistoj el Gandia ; sekve, D-ro Herrero klarigis al la ĉeestantoj, plej parte ne esperantistoj, pri la kvalitoj kaj atingaĵoj de Esperanto. Finis la kunvenon vortoj de S-no Luis Hernández, kiu, laŭ kutimo, paroladis tre elokvente.

Post la kunveno, la esperantistoj translokiĝis al la moderna plaĝo de Gandia, kie ili kunmanĝis en pitoreska loko.

Posttagmeze, nova kunveno en akademio «Cervantes» por paroli pri organizado kaj disvastiĝo de Esperanto en Gandia kaj ĉirkaŭaĵoj, kaj, fine, forveturo al Valencio.

Kiel fruktoj de tiu vizito kaj, kiel kulmino de kampanjo farita per radio kaj, persone, de S-ro Moral, oni povas noti starigon de du E-kursoj. Unu en la Palaco de la Sankta Duko, kiun partoprenas 38 plenaĝuloj el diversaj profesioj, kaj alia, en Akademio «Cervantes», por 30 junaj studentoj. Krome, oni metis fundamentojn por forta nova E-Grupo.

*P. S.*

MADRID. — Madrida E-Klubo ŝanĝis sian loĝejon kaj okazigis eksterordinaran kunvenon. La nova adreso estas :

Madrida Esperanto-Klubo. Str. Artistas, n.° 1-3. Cuatro Caminos. MADRID.

Komencante la antaŭnomitan kunvenon, paroladis la kara eksredaktoro de nia BOLETIN, S-ro Luis Hernández. La ĉeestantoj aprobis kaj ĝuis tutkore la paroladon. Poste, estiĝis diskutado pri la aferojn de la klubo, por klopodi pligrandigon de la movado. La 19-an de Oktobro, estis aranĝita parolado de nia prezidanto, S-ro Figuerola, en unu el la domoj de uzino «Standard» pri «Utileco de Esperanto por la moderna socio. La ĉeestantoj estis precipe anoj de tiu uzino, interesitaj pri Esperanto.

Oni atendas novajn kunvenojn sub la ŝatata gvido de S-ro Figuerola, en aliaj lokoj, kiel la Klubo Kanado.

*F. Alafont*

VALLADOLID. — De la 26-a de Septembro ĝis la 3-a de Oktobro la loka Grupo eksponiciis E-materialon kun granda sukceso. TVE (Hispana Televido) raportis dum sia meztaga programo pri la solena inaŭguro. Granda nombro da personoj interesiĝis pri Esperanto kaj la nova kurso komenciĝis kun partopreno de 70 novaj lernantoj.

Tra la radio, ĉiulunde okazas parolado pri Esperanto je la kvara kaj kvarono, posttagmeze, kaj la ĵurnalaro, tre favore kaj ofte, raportas pri Esperanto.

*M. Cantalapiedra*

## NI FUNEBRAS

Kun granda prokrasto alvenis al nia redakcio la malĝojiga sciigo pri la forpaso de Prof.º Dokt.º GIORGIO CANUTO, Prezidanto de U. E. A.

Pro malsano li ne povis ĉeesti la lastan kongreson en Bruselo, sed li kontentige pliboniĝis. Eksciinte pri la sama maltrafo de nia Prezidanto, li interisiĝis pri lia sano kaj pri la preparoj por la venonta hispana kongreso en Majorko. «Vi devas propagandi por altiri eksterlandanojn! Kiam ĝi okazos?» Eble, li eĉ deziris partopreni nian nacian kongreson!

La morto rabis lin al ni kiam li estis ankoraŭ altvalora por nia movado. Profesoro pri Jurmedicino, Eksrektoro de la Universitato de Parma, Prezidanto de U. E. A., de la Itala Esperanto-Federacio kaj membro de la Akademio de Esperanto, li estis ege prestiĝa, ne nur en niaj medioj, sed ankaŭ en internaciaj sciencaj rondoj.

Estos tre malfacile anstataŭi lin, ne nur pro liaj oficialaj meritoj, sed ankaŭ pro la homaj, personaj kvalitoj kiuj valorigis kaj simpatiigis lin antaŭ la tuta esperantistaro. Kiel ĉiuj vere elstaraj personoj, li estis ege bonkora, akceptema kaj ĝentila; unuvorte, li estis modela esperantisto!

Al lia ĉagrenita familio, al la Itala Esperanto-Federacio, al U. E. A. kaj al la tutmonda esperantistaro ni sciigas nian sinceran bedaŭron kaj ni kondolencas, nome de la hispana samideanaro.

Preĝante por lia animo, ni ĉiuj devas peni por imiti lin, ĉar, tiel, ni povos konscii pri daŭra kaj efika servo al Esperanto.

Ke li ripozu pace!

---

MOYA. — Jus komenciĝis niaj esperantaj kursoj kaj ni atingis grandan sukceson. La kurson por knaboj, kiu okazas ĉe nia Grupo mem, partoprenas 15 junuloj.

Ankaŭ ni okazigas elementan kurson ĉe Instituto de Edukado por la Virino, kiun partoprenas 14 knabinoj.

Je la 11-a de novembro, en nia sidejo, prelegis S-ro Ch. Elliot, angla samideano, kiu konstante vojaĝas tra Eŭropo. Li prezentis belajn diapozitivojn pri diversaj landoj, de li vizititaj; 40 gemembroj de nia rondo ĉeestis, kaj forte aplaŭdis la eksterlandan gaston, kiu jam dua foje vizitis nian Grupon.

Inter niaj geanoj regas granda entuziasmo por partopreni la IFEF-kongreson en Barcelona —dum venonta majo— kaj poste, nian Nacian Kongreson en Palma de Mallorca.

*E. G. M.*

---

Notu bone:

Ke la nova adreso de nia s-no Juan Gironés Casas estas:

Paseo Maragall, n.º 370. BARCELONA (16).

Ke tiu de s-no S. Aragay estas:

Arce n.º 8-2-4.ª CORNELLÁ (Barcelona), kaj ne tiu, kiun ni erare publikigis en la pasinta numero de Boletin.

---

NI RICEVIS...

...el Valladolid, ses eltranĉaĵojn, el diversaj ĵurnaloj, kun raportoj pri la E-ekspozicio, kaj belan folieton eldonitan por propagandi ĝin. Sendis: M. Cantalapiedra.

...ĵurnalon (1-9-60): «El Correo de Andalucia» kun artikolo pri UNESKO kaj Esperanto, verkita de la sendinto, S-no Carlos Martinez Fernandez, el Sevilla.

...eltranĉaĵon el ĵurnalo «La Vanguardia», el Barcelona (5-10-60) kun artikolo titolita «Esperanto», verkita de ne esperantisto S-ro Domingo de Fuenmayor. Sendis: J. Lerroux, el Barcelona.




**MEMORLIBRO PRI LA ZAMENHOF-JARO**, eldonita okaze de la centjara datreveno de la naskiĝo de D-ro Zamenhof, de Universala Esperanto-Asocio, plus Centro de Esploro kaj Dokumentado, Londono 1960. 22 x 29 cm. 104 p. 16 fotopaĝoj. Prezo: 200 ptoj. ĉe Libroservo.

Vere mirinda juvelo pot ornami bibliotekon. La esperantistaro devas akiri tiun verkon, kiu enhavas plenan historion pri la elpenso kaj disvastigado de la plej granda akiraĵo de la homaro: la helpa internancia lingvo «Esperanto».

Por celebri la centjaran datrevenon de la naskiĝo de Lia Doktora Moŝto Lazaro Ludoviko Zamenhof oni presigis tiun senegalan libron, kunigante en ĝi kelkajn el la multaj artikoloj skribitaj de mondkonataj esperantistoj, kiuj dediĉis siajn plej belajn pensojn por memorigi tiun neforgeseblan daton.

Jen la nomoj de tiuj, kiuj, kunlaboris por formi tiun-ĉi historion pri la genia kaj homama elpensinto kaj lia, neniam plibonigita, verko:

Prof. G. Waringhien (Francujo).
Prof. Dro. Edmond Privat (Svislando).
Prof. Dro. W. E. Collison M. A. (Anglujo).
Prof. Dro. E. A. Bokarev (Sovetunio).
Prof. Dro. Ivo Lapenna (Britujo).
Dro. A. Albault, Oft. (Francujo).
Sro. Adam Zamenhof (Pollando).
Prof. Dro. Paavo Ravila (Finnlando).
Sro. Vilho Setälä (Finnlando).
Sro. Preston Davis (Usono).
S-ino Marjorie Boulton, B. Litt. (Anglujo).
Sro. John Francis (Skotlando).
Sro. William Auld (Skotlando).
D-rino. Clelia Conterno Guglielminetti (Italujo).
Prof. Dro. J. Régulo Pérez (Hispanujo).
Prof. Dro. Giorgio Canuto (Italujo).
Prof. Dro. Seiho Nishi (Japanujo).
Prof. Dro. Hugo Sirk (Aŭstrujo).
Sro. C. Stop- Böwitz (Norvegujo).
Dro. G. F. Makkink (Nederlando).
Sro. Davil Kennedy (Britujo).
Rev. F. Moravec (Germanujo).
Sino. Julia Isbrucker (Nederlando).
Sro. G. C. Fighiera (Italujo).

Tiuj-ĉi nomoj estas garantio de plena sukceso. La plej multaj uzis tiun belegan fundamentan Esperanton kiun, tiel bone legas kaj komprenas ĉiuj esperantistoj, eĉ la eklernantoj.

Nur, en tre malmultaj, mi trovis kelkajn nebezonatajn «neologismojn», kiu (laŭ mia modesta opinio), estas tute nenecesaj, tute ne taŭgaj (ĉiam laŭ mia opinio), en multaj okazoj, miskompreneblaj kaj terure malbeligaj. Kial «inventi» novajn radikojn, kiam la esperantistoj ne lernis ilin nek en gramatikoj nek en vortaroj?

Ankaŭ mi volas komentarii pri la opinio de du artikolistinoj (mi ne volas citi la nomojn), kiuj severe kritikas la verkojn (originalajn kaj tradukitajn) de la glora Sro. Zamenhof.

Estas oportune memorigi la vortojn de la Majstro: «Kritiki estas facile, fari malfacile».

Ĉu tiuj, kiuj kritikas, kapablas plibonigi la kvanton kaj la kvaliton de la laboro farita en, per, por kaj pri Esperanto de tiu bonega, modesta, lerta, laborema; ĉiam komprenema, pacema kaj homama geniulo?

Ĉu ni, mizeraj teraj vermoj, povas juĝi la laboron de tiu reĝa aglo, fluginta super la plej altaj montaroj?

Ĉiuj bonaj esperantistoj restas mirigataj antaŭ la amplekso de lia eksterordinara laboro.

Neniu povas esti komparata kun li. Mi estas certa ke, ĝis nun, li estis, estas, kaj, dum multe da tempo, estos, nekomparebla al iu ajn esperanta verkisto.

Se mi kuraĝis kritiki la artikolon de unu el tiuj kritikistinoj, certe, de la komenco ĝis la fino, mi trovus multajn kritikindajn motivojn.—Ekzemple en la unuaj linioj mi trovis tiun strangan frazon: «..., *bredi metaforojn*...», kaj, laŭ ĉiuj vortaroj, «*Bredi*», estas «kulturi kaj eduki bestojn»...

---

Specialan recenzon meritas la «Pensoj de Zamenhof», kiuj aperas en preskaŭ ĉiuj paĝoj de la libro; la kolekto da bonegaj fotoj, kiuj estas la plej taŭga grafi-

(Fino sur paĝo 319ª)

## Poezia Angulo

### KONFESO

Rekonas, ke neniel mi talentas...

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Mi tamen movas plumon mian
por fuŝi strofon... poezian..?
Ho, kial ĝi pri Pov' pretendas
kaj font' interna ne silentas?!

I. SCHOON

### MIA NEPO KAJ MI

Ĉambron plena igas pepo:
Gaje ludas mia nepo...
Dancas kiel papilio...
Ĝojas, gajas li per ĉio...
Jen pro tio,
aŭ... nenio:
kria gajo, gaja·krio!!

—

Sidas mi kaj alrigardas...
Kontraŭ akcident' lin gardas...
Okulsteloj miliardas...
Koron mian ĝoj' bombardas...
Pro la ludo mi ĝuardas...
Jun-, maljuna, ambaŭ varmas!

I. SCHOON

---

Mia patr' regas patrinon,
Patrin' mia regas min
Kaj mi regas la kokinojn.
Ĉiuj regas, tie ĉi!

**Tradukis A. PEREZ el jena hispana popolkanto:**

Mi padre manda en mi madre
y mi madre manda en mí
y yo mando en las gallinas.
Todos mandamos aquí!

# Ĝusta Vojo

Estas malsamaj la faktoroj kiuj kaŭzas la malrapidan evoluon de Esperanto, de la loka ĝis la tutmonda movado. Unu el la plej gravaj enradikiĝas en la esperantisto mem, tute eble pro lia nesufiĉa kompreno pri la interna ideo de la lingvo internacia.

Se iom atente oni esplorrigardas la aferon tra oficialaj notoj troveblaj sur iu ajn el la esperantaj gazetoj, tuj oni rimarkas sinsekvan plendadon pri mono-manko fare de la gvidantaro por antaŭen puŝi la aferon.

Verŝajne, la esperantisto, kiel perfekta idealisto, ne konsciis ke ĉiu organizita homgrupo, celante ion ajn, ĉefe, nuntempe, nepre necesas monon, krom homojn kun bona volo, kiuj, sinofere, gvidos kaj puŝos al la celo koncerna. Tiurilate, nenia escepto en nia movado.

Niaj gvidantoj havas nur du enspezfontojn por havigi al si la necesajn rimedojn por funkciigi la motoron, nome: membro-kotizojn, kiel efektiva fonto kaj memvolajn donacojn, kiel eventuala.

Tial, nia devo, kiel veraj zamenhofanoj, estas ne plu perdi tempon marĉandante pri membro-kotizoj, kun plena fido pri la administra sobreco de niaj gvidantoj, kaj ekiri sur pli firman terenon, laŭ la postsignoj de nia genia Majstro. Ni devas, ĉie ajn kaj ĉiam ajn, sinofere agadi, ne nur favore al nia afero, sed ankaŭ, ĉiuflanke por pruvi al la ekstera publiko, ke ni vere estas armeo da pacbatalantoj, kiuj, entuziasme, harmonie, discipline kaj ĝoje, kuniras al la celo, kun la certeco ke ni alpaŝas la ĝustan vojon.

ANTONIO CRIACH

---

**S-ro Luis Hernández malsanas**

Kaŭze de hepata afekcio, nia samideano Luis Hernández kuŝas en lito. Pro tio, bedaŭrinde, ĝis ankoraŭ post iom da tempo, li ne povos normale rilati kun siaj amikoj landaj kaj eksterlandaj.

Ni deziras ke li baldaŭ resaniĝu kaj denove rehavu forton kaj kapablon por daŭrigi la strebadon por Esperanto.

# DIVERSAĴOJ

*Ĉiu membro de nia Federacio aŭ abonanto de nia bulteno, sendinta korektan solvon de enigmo, gajnos poenton. Gajnintoj de 5 poentoj ricevos libropremion. Ni akceptos solvojn ĝis la 20-a de Februaro.*

## *SOLVO DE LA ENIGMO NUM. 4*

Horizale: 1, Selu. Tanu. 2, Metamorfozo. 3, An. Vekat. Ul. 4, apO, ocE. Tre. 5, Trik. Kapo. 6, Ortodoksa. 7, akaP. Koto. 8, irP. Ont. Jot. 9, Na. Eltir. Re. 10, Oscedemuloj. 11, Tiea. Inoj.

Vertikale: 1, Maat. ainO. 2, Senprokrast. 3, Et. oiraP. Ci. 4, Lav. Ktp. Eee. 5, Umeo. Olda. 6, Okcidente. 7, Trae. Timi. 8, Aft. Kkk. ruN. 6, nO. Tasoj. 10. 10, Uzurpatoroj. 11, Oleo. otej.

Sendis korektajn solvojn: J. M. Gutiérrez, Augusto Ugalde, Alfonso Escamilla, Francisco Aliaga, Alfred Kirch, Francisco Amorós, R. Albero, Ramón Bastardas, Liberto Puig.

Atingis kvin poentojn: S-noj Augusto Ugalde kaj Ramón Bastardas, al kiuj ni sendos libropremion.

## *ENIGMO NUM. 5*

*Krucvorta enigmo de J. Devis*

*Malsupra figuro*




Horizontale: 1, (Inv) Antaŭhistoria. Plenkredi. 2, (Rad) Scienco, kiu estudas la atmosferajn fenomenojn. 3, (Rad) Moviĝi al iu difinita loko. Peni ne esti trafita de io. Pronomo de dua persono. 4, (Rad) Mallonga skriba rimarko. Organa korpo produktata k eligata de kokino. (Rad) Malhelp. 5, Imaga. (Rad) Institucio de financaj operacioj. 6, Surtegmenta fako de veturilo, aranĝita por sidigi veturantojn. 7, (Rad) Eligi sekan k akran bruon de skrapado. Rilata al felo preparita por industriaj uzoj. 8, (Rad) Tuto de la sinsekvaj generacioj de unu sama familio, devenanta de unu sama prapatro. Tri samaj konsonantoj. (Rad) Teksaĵo farita el lino aŭ kanabo. 9, Sufikso montranta kutimon al io. (Rad) Inklina al konkordo k paco. Plurala pronomo. 10, Adoleska stato, meze inter infanino k virino. 11, Parto de la korpo kuniganta la kapon kun la trunko. Parto de la maldika intesto.

Vertikale: 1, Enmeti en truon eksplodan substancon por detrui ion. (Rad) Subite rompiĝi pro interna tro granda premforto. 2, (Rad) Parto de la mekaniko kiu studas la movojn de la gasoj. 3, Participo. Havas kiel temon. Nomo de esperanta k greka litero. 4, Denove. (Rad) Fonto de elektra energio, pere de ĥemia energio. 5, Kapablo fari ion. Nenormala malgrandegulo. 6, Fari, respekte, ĝentilan kliniĝon de la busto por saluti iun. 7, Fotografaĵo. Defali de la atmosfero kristaliĝinta akva vaporo en formo de blankaj floketoj. 8, Pronomo. (Rad) Kunveno en kiu oni dancas. Dekfoje cent. 9, Konj. uzata por insisti k nomo de litero. (Rad) Teatra danco kun muziko k mimiko, sen paroloj. Interj. esprimanta malkonsenton. 10, Grandega fosilia reptilio. 11, (Inv) Eligi laŭtajn akrajn voĉsonojn. Malsam.

## Novaj Libroj

(Fino de paĝo 316ª)

kraporto pri la gravaj okazintaĵoj en Esperanto; ĉiuj poezioj; k. t. p., k. t. p. nu, fine, ĉio estas leginda.

Ĉu ion neperfektan mi trovis? Jes. Ion, kion ne estis bone prizorgita. Mi skribas pri la pli ol dek-kvin preseraroj, kiujn mi trovis. La gelegantoj scios bone kompreni ĉar, ĉiuj estas tute videblaj, sed, kial oni permesis en tiu, ĉiusence mirinda libro, ke tiuj eraretoj aperu! Ĉu oni ne korektis la presprovojn?

Por fini, mi denove rekomendas la akiron de ĉi-tiu nekomparebla libro, kiu (kiel mi diris en la komenco de ĉi tiu recenzo) estas la plej bela juvelo por ornami kaj honori esperantan bibliotekon.

*Rafael Vizcaíno Olcina*

---

**ADRESARO DE FIRMOJ KIUJ UZAS ESPERANTON.**—Broŝuro 40 paĝa, eldonita de Centro por Esperanto en Komerco, Industrio kaj Turismo, placo Oberdan, 1, Milano (Italia).

La tiel nomata de la eldonistoj, prova listo, estas bone presita broŝuro, kaj tre bone ordigita laŭ nomoj de la firmoj, kaj, poste, laŭ alfabeta ordo de artikloj kaj specialaĵoj, kaj donas tre bonan impreson je la unua rigardo.

La surprizo povas veni, kiam en la komerco kun alia lando oni uzadas trian lingvon nekomunan kun malfacilaĵoj, ĉar tiam, se, hazarde, ni trovos en tiu libreto ke nia kliento scipovas Esperanton, imagu ke la negocoj povos multobliĝi.

Anoncoj, senpage. CEKIT meritas ĉiujn subtenojn kaj, por la venonta dua eldono estas promesitaj multegaj pliaj firmoj, en ĉiuj landoj.

Industriistoj, komercistoj kaj turistaj agentoj, skribu tuj.

E. G.

---

KARAJ LEGANTOJ:

Kaŭze de tro abunda laboro ĉe ni kaj ĉe la presejo, ĉi tiu numero de BOLETIN aperas kun granda prokrasto.

Ni petas pardonon al vi kaj esperas povi eviti tiajn prokrastojn estonte.

R. K.

---

*ĜUSTE VI estas tiu, kiun ni serĉas...* se vi estas katolika fraŭlino inter 21 kaj 30 jaraĝa, se vi estas lerta hejm-prizorgantino, se vi absolute flue parolas kaj senerare skribas esperanton, se vi ŝatus restadi dum unu tuta jaro en franclingva esperantista hejmo (agrable familia vivo), se vi interŝanĝe de kompleta senpaga gastigado (nutrado, loĝado) pretas vigle helpi en ĉiuj virinaj hejmaj taskoj, se vi hovas jam bonajn nociojn de la franca lingvo kaj deziras plibonigi ilin per ĉiutaga praktiko... tiam bonvolu *tuj* skribi kun kompleta vivrakonto kaj freŝdata fotoaĵ: Michel Pilloy (anonceto Boletin), Esperanto-Office, Ottignies (Brabant), Belgujo.

---

# PARA NUESTRO BOLETIN

(Donativos recibidos desde el 11 de Septiembre al 5 de Diciembre de 1960)

| | |
|---|---|
| Suma anterior | 2.949 » |
| L. L. H. - Sabadell | 18 » |
| E. Calvet . Tarragona | 25 » |
| L Serrano - Koln | 40 » |
| Ges-roj Máñez - Zaragoza | 50 » |
| A. Criach - Sabadell | 35 » |
| J. L. Ramírez - Huete | 15 » |
| F. Alsina - Barcelona | 40 » |
| S. Alberich - » | 40 » |
| J. Roig - » | 15 » |
| M. Alsina - » | 10 » |
| F. Alsína - » | 300 » |
| C. Dalmau » | 25 » |
| E. E. Yelland - Aspremont | 15 » |
| J. Figueras - S. Estebcn de Bas | 40 » |
| J. Gironés - Barcelona | 10 » |
| E. Porcar - Benaguacil | 5 » |
| Şumon | 3.637 Ptas. |



# HISPANA ESPERANTO - FEDERACIO

## kaj Boletin

*Deziras al la legantoj prosperan Novan Jaron*




PERIS - GRAN VIA M. TURIA, 28 - VALENCIA

Depósito Legal V. 309-1959